# Boletín

## Federación Española de Esperanto

### Asociación de Utilidad Pública



N-ro 324 • Januaro-Februaro 1996



BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Aperanta de 1949

## Ĉefredaktoro

Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe 27-29, 9º C
ES-50002 Zaragoza

## Redaktoroj kaj kunlaborantoj

Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Valén Fernández

**Hispana Esperanto-Federacio**

Rodríguez San Pedro 13-3º-7
ES-28015 MADRID
Tel. + faksilo: +34-(9)1-446-80-79

## Estraro

*Prezidanto*: Antonio Alonso Núñez
*Vicprezidanto*: José Mª Galofré Domingo
*Sekretario*: Manuel Parra Benito
*Vicsekretario*: Marcos Cruz Martín
*Kasisto*: José Mª Bernabeu Franco
(Konto: 14.011.966 de Caja Postal)
*Voĉdonantoj*:
Luis Hernández
Antonio Marco Botella
Juan Antonio Cabezos
Augusto Casquero de la Cruz

*Kovrilo:* Memportreto de Goya. Omaĝe al la ĉi jara 250a naskiĝdatreveno de la genia artisto.
*Noto:* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## ENHAVO

# Ne ekzistas pad', marŝanto

Pasintjare ni volis komenci kun la nova jaro novan etapon de nia revuo. Ekonomiaj faktoroj kaj la konstanta aspiro plibonigi *Boletín*, konsilis nin ŝanĝi al pli moderna presejo kaj pretigi planon por renovigi nian revuon en ĉiuj aspektoj. Eble, nur duone ni atingis nian celon, ĉar la projekto planita por plurjara periodo rompiĝis, kiam novaj cirkonstancoj, ankaŭ ekonomiaj kaj teknikaj, devigas nin denove ŝanĝi al alia presejo kaj profitante la okazon ankaŭ modifeti la revuon... Evidentas, ke pri farendaj taskoj ni ne atentis la trafan eldiron de Antonio Machado, kiam filozofieme li asertis per linda kaj penso-profunda jena poemeto:

Padiranto, viaj spuroj
estas ja la nura pado.
Ne ekzistas pad', marŝanto,
iĝas ĝi dum ekmarŝado.

El ekmarŝo iĝas vojo
kaj tuj ĉe retrorigardo
padon oni jam perceptas,
kiun ni ne plu repaŝos.

Ne ekzistas pad', marŝanto,
nur helstrioj sur la maro.



Per tiu simpla kaj bela maniero, Machado diras al ni, ke la vera vojo ne estas tiu kiun ni projektas, sed tiu kiun ni mem realigas per nia propra agado. Kaj tio tradukita al nia kazo signifas, ke kia ajn estos la cirkonstanco, ni persistos paŝon post paŝo trairante la vojon kiun ni mem faras per nia propra irado. Kaj tio konkretiĝas antaŭe kaj nun, en la plibonigo laŭ enhavo kaj aspekto de nia revuo sen perdi la perspektivon de nia celo, hieraŭ kiel hodiaŭ la disvastigo de nia internacia lingvo.

Nia mesaĝo pri paco, espero kaj homamo renoviĝas okaze de la nova jaro. Samideanoj kaj amikoj... Feliĉan Novan Jaron 1996!

*A. M. B.*

# 55a HEF-Kongreso

Provizora Programo de la 55a Hispana Esperanto-Kongreso okazonta en Alquerias-Murcio, de la 12a ĝis la 17a de julio 1996.

| | |
|---|---|
| 12a de julio | — Akcepto de gekongresanoj kaj disdonado de la koncernaj dokumentoj.<br>— Interkona Vespero. |
| 13a de julio | — Oficiala solena malfermo de la Kongreso. Protokolaj salutoj de OKK, HEF-prezidanto kaj reprezentantoj de hispanaj komunumoj.<br>— Parolado de la HEF-prezidanto.<br>— Komuna Fotografado.<br>— Kunveno de HEF-estraro Grupo-delegitoj.<br>— Kanzono-koncerto de eksterlanda E-kantistino. |
| 14a de julio | — Kunvenoj de E-Fakoj kaj Asocioj.<br>— Ekzamenoj de Esperanto-lernantoj.<br>— Projekcioj pri lastaj Universalaj E-Kongresoj publike prezentitaj en la hispana lingvo al neesperantistoj.<br>— Folklora Murcia Festo. |
| 15a de julio | — Tuttaga ekskurso: vizito per buso al San Javier kaj San Pedro Pinatar, enŝipiĝo kaj sekva vizito al «Mar Menor» kaj ĝiaj insuletoj. Elŝipiĝo en La Manga kaj post ĝia vizito, tagmanĝo en Cartagena. Posttagmeze vizito al La Unión, Cabo de Palos kaj reveno al Murcio.<br>— Libera "nokto". |
| 16a de julio | — Turisma vizito al Murcio.<br>— Kunveno de Asocioj kaj Fakoj.<br>— Generala Asembleo de HEF.<br>— Seminario ne fermita al neesperantista publiko.<br>— Prelego en la hispana lingvo.<br>— Oficiala bankedo. |
| 17a de julio | — Duontaga ekskurso.<br>— Oficiala Fermo de la Kongreso. |

**Ĉambroj mendeblaj por la venonta HEF-kongreso**

| Kategorio | Hotelo *** | Hotelo ** | Hotelo ** |
|---|---|---|---|
| Prezoj por persono en dulita ĉambro | Fontoria | Majestic | Las Palmeras |
| | 5.500 | 5.000 | 4.500 |
| Suplem. Indiv. | 1.500 | 1.000 | 1.000 |

Ĉiu interesito bonvolu rezervi ĉambron rekte ĉe la Agentejo «Viajes Diseño», Av. de la Libertad, 6. Blq. 1. 30009 MURCIA. Telefono: (968) 20.15.00; Faksilo: (968) 20.03.20.

a) Dum la kongreso oni organizos Elementan Esperanto-kurson.
b) Dum la kongreso funkcios libroservo kun priesperanta materialo.
c) Ekzistas la ebleco organizi postkongreson por ĉiu deziranta ripozi kelkajn tagojn ĉe strandoj de «Mar Menor».




Kiel ni indikis en la raporto pri la pasinta Hispana E-Kongreso okazinta en Salou, unu el la prelegoj atente aŭskultata tiuokaze, estis tiu de nia samideano, la advokato Juan Antonio Cabezos, pri altruismaj donacoj al Fondaĵoj, kaj ankaŭ pri la koncerna leĝaro pri heredoj aplikebla en kelkaj kazoj.

En ĉiuj okcidentaj landoj kun demokrataj reĝimoj kaj liberaj merkatoj, oni agnoskas, kune al la oficialaj institucioj, la partoprenon de privataj personoj kaj asocioj aktivantaj favore al la fondo, disvolvo kaj stimulo al fondusoj kun karaktero bonfara aŭ al tiuj agantaj por subtenado kaj progreso de kulturaj kaj artaj valoroj. En Hispanio, la Leĝo 30/94, de nun aplikata al tiuj institucioj, starigis novajn formulojn por la kreado kaj subtenado de tiuj fondusoj kaj antaŭvidas interesajn fisko-profitojn al la donacantoj.

Tio signifas, ke eventualaj donacoj al nia Federacio (deklarita de la hispana registaro «Asocio kun Publika Utilo») aŭ al **Fundación Esperanto** (funkcianta kun karaktero de Fondaĵo) rajtigas la donacantojn al jenaj profitoj:

— Se la donacon oni faras al Fondaĵo, kaj tiu jam reguligis sian situacion laŭ la nova Leĝo 30/94, la donacanto povos dekalkuli la 20% el la koncerna kvanto en sia IRPF (Impostoj al Fizikaj Personoj). En raraj kazoj eĉ iom pli.




— Se oni faras la donacon al asocio ankoraŭ nefunkcianta sub la menciita Leĝo 30/94, la dekalkulo por la donacanto estas 10% de la donacita sumo.

Por apliki tiujn menciitajn dekalkulojn, la eventualaj donacantoj, devos prezenti dokumenton de la koncerna Fondaĵo en sia Rento-deklaro. En la kazo de nia **Fundación**, nia Sekretario ekspedos la koncernan atesto-dokumenton.

Kompreneble, kiel oni konstatis en la kunveno de Salou per la diversaj konsultoj al la preleganto, povas ekzisti problemoj, kiam la donacojn oni faras kun karaktero postmorte, ĉar heredantoj havas siajn nekontesteblajn rajtojn, sed ĉiukaze oni povas ĉiam detale konsulti individue al nia kompetenta konsilanto, samideano Juan Antonio Cabezos; Av. de la Flota, 7, 3-B. 30007 MURCIA, kiu sufiĉe amplekse raportos al interesato.

Nia konsilanto povas perfekte plani vian donaco-projekton laŭ la sistemo pli interesa por viaj financoj.

*La Redakcio*

---




La 81a UK de Esperanto okazos en Prago (Ĉeĥa Respubliko), de la 21a ĝis la 28a de julio 1996.

Kun areo de preskaŭ de 80-.000 km2 kaj loĝantaro de iom pli ol 10 milionoj, la Ĉeĥa Respubliko ene de siaj nunaj limoj estas unu el la plej novaj ŝtatoj de Eŭropo. Ĝi establiĝis antaŭ malpli ol tri jaroj (komence de 1993), post la dividiĝo de la antaŭa Ĉeĥoslovakio (mem kreita nur en 1918) en du apartajn ŝtatojn. La historio de tiu parto de Eŭropo etendiĝas tamen tra multaj jarcentoj, kiel abunde atestas la ĉefurbo Prago, unu el la plej fascinaj -kaj en la lastaj jaroj plej vizitataj- urboj de Eŭropo. Pluraj aliaj landoj kaj urboj pretendas esti meze de Eŭropo, sed la Ĉeĥa Respubliko kaj Prago simple estas tie: ne nur geografie kaj historie, sed ankaŭ kulture, trafike kaj turisme. Pro tio

la 81a UK, okazonta 75 jarojn post la sola antaŭa UK en tiuj lando kaj urbo, fariĝos sendube granda kaj ĉeestinda evento.

La Kongresa Centro de Prago (antaŭe: Palaco de Kulturo) gastigos ĉiujn programerojn de la 81a UK. Temas pri impona 5-etaĝa, moderne ekipita kongresejo kaj koncertejo kun suma areo de preskaŭ 35.000 m2 Ĝia ĉefa salonego povas sidigi 3.000 homojn, dum en la aliaj salonoj estas loko por pliaj 2.000. La unika situo sur monteto super la rivero Vltava, kun majesta panoramo de la urbo, donas apartan karakterizon al la ĉiurilate konvena kongresejo. La metroa haltejo Vyŝehrad (du haltejojn for de la urbocentro) troviĝas apude.

Diversaj prelegoj, diskutoj kaj aliaj programeroj traktos la ĉeftemon de la 81a UK: «Kulturo -valoro aŭ varo?».

La Loka Kongresa Komitato jam de longe funkcias, sub la gvido de inĝ. Vlastimil Koĉvara, prezidanto de Ĉeĥa E-Asocio kaj malnova komitatano de UEA. Adreso: 81a UK de Esperanto, P.K. 1069, CZ-111 21 Praha 1, Ĉeĥa Respubliko.

Prago nun jam havas grandan hotelkapaciton en ĉiuj kategorioj. Helpas ankaŭ ke la fino de julio ne estas la turisma ĉefsezono en Prago, tiel ke oni sukcesis rezervi sufiĉe da ĉambroj. Kompleta listo de hoteloj kun definitivaj prezoj aperos en la Dua Bulteno, distribuota meze de januaro 1996.




Estas planitaj pluraj duontagaj, vesperaj kaj tuttagaj ekskursoj. Ili celas la plej vizitindajn lokojn en la ora Prago, en ĝia pitoreska ĉirkaŭaĵo kaj en la historie kaj kulture riĉa lando. Ne eblas ĉi tie listigi ĉiujn ekskurslokojn, sed ni menciu la tuttagan ekskurson al Karlovy Vary, eble la plej fama ĉeĥa turismejo post Prago. Por ebligi partoprenon ankaŭ al tiuj kun malpli da mono, ĝi ne inkluzivos tagmanĝon kaj kostos ĉ. 55 gld. Alia ekskurso estas planita por handikapitaj kaj maljunaj kongresanoj.

Antaŭkongreso gastigos la dua plej granda urbo, Brno, kun i.a. ekskurso al Slovakio. Inter la 4 postkongresaj vojaĝoj elstaras tiu kiu vizitos la «magian triangulon» de Prago-Krakovo-Dresdeno.

Infana kongreseto okazos samtempe kun la 81a UK, sed kvindekon da kilometroj sude de Prago, en Rabynê, ĉe la bordo de pitoreska riverlago. Interesitoj skribu, kun detaloj pri siaj infanoj, al la komisiito: s-ro Chistopher Fettes, St. Kolumba's College, Rathfarnham, Dublin 14, Irlando.

La oficiala turisma agentejo de la Kongreso estas Ĉedok, la plej granda kaj plej renoma ĉeĥa turisma kompanio. Ĝi okupiĝos pri ĉiuj loĝigaj kaj ekskursaj programoj kaj helpos pri ĉiaspecaj praktikaj problemoj surlokaj. Tamen ĉiuj kongresaj servoj de Ĉedok estas mendeblaj nur pere de la konstanta UK-adreso: 81a UK de Esperanto, Nieuwe Binnenweg 176. NL-3015 BJ Rotterdam. Nederlando.

(El la Unua Kongresa Komuniko)

---

# 2x1

*Jen la defio!*

## Duobligi la membraron

Por firmigi la ĝisnunajn atingojn
Por daŭre konstrui modernan movadon
Por oferti ĉiam pli multajn kaj pli bonajn servojn

**kUNLABORU EN LA KAMPANJO**

**Anigu novan membron kaj... ricevu donacon**

---



# Literatura konkurso
de
# Fundación Esperanto

La patronaro de la Fundación Esperanto decidis, en kunsido okazinta la 13an de januaro de 1996, kunvoki la tradukan literaturan konkurson **2a Premio Inés Gastón**, kies regularo tekstas jene:

1) Nur eblas konkursi per traduko(j) el novelo(j) de hispana(j) aŭtoro(j) vivanta(j) en la 20a jarcento.

2) Ĉiu konkursanto rajtas partopreni per tri konkursaĵoj maksimume.

3) Ĉiu konkursanto devas sendi fotokopion de la originalo kune kun tri ekzempleroj de la konkursaĵo, tajpitaj laŭ duoblaj interlinioj, kun la indiko: "Konkurso de **Fundación Esperanto**".

4) La konkursaĵoj estu subskribitaj per pseŭdonimo por kaŝi la identecon de la Konkursanto, kun la originala titolo kaj la fonto el kiu oni ĉerpis la novelon. En aparta fermita koverto, surhavanta la identigan pseŭdonimon, estu slipo kun la nomo kaj adreso de la konkursanto.

5) Kune kun la Verdikto, aperos samtempe la nomoj de la juĝintoj.

6) La dat-limo (laŭ la poŝtstampo) por sendi la konkursaĵojn estas la 30an de septembro 1995a. La Verdikto publikiĝos en la Hispana Kongreso, la 11an de novembro 1995a.

7) Oni sendu la tekstojn al S-ro Enrique Piquero; Morería, 6, 5° D; 50004 Zaragoza / Hispanio.

8) La premio konsistos el 15.000 ptoj en libroj de la Libroservo de HEF.

9) Fundación Esperanto rezervas al si la rajton publikigi la plej bonajn novelojn en aparta(j) volumo(j) de la libroserio "Hispana Literaturo"

Zaragoza la 13an de januaro de 1996a

*Enrique Piquero*
Sekretario de la **Fundación Esperanto** kaj de la konkurso.




Kiel jam estas tradicio en nia landa Movado, la festotagon honore al D-ro L.L. Zamenhof oni celebris en preskaŭ ĉiu E-Grupo de Hispanio. Al nia Redaktejo venis jenaj kronikoj:

**Madrido**

En Madrido la festo komenciĝis vendrede, 15a de decembro je la 7a vespere, per prezento de la libro *Lirikaj perloj de Al-Andalus*, de Antonio Marco Botella, kiun li mem prezentis. Sekvis kolokvo pri la temo de la libro kaj demandoj kaj respondoj svarmis dum pli ol unu horo. Sabaton okazis la komuna manĝo honore al la Majstro en restoracio *Puerta de Toledo* de la ĉefurbo.

**Sabadell**

En Sabadell, la 16an de decembro matene, oni inaŭguris straton per la nomo de la prestiĝa loka esperantisto Luiso Mimó Espinal en moderna kvartalo de tiu grava urbo. Tagmeze okazis la komuna tagmanĝo honore al d-ro L.L. Zamenhof en centra restoracio.

**Zaragozo**

En Zaragozo, la estraro de *Frateco* koincidigis la kutiman feston al d-ro Zamenhof kun aliaj esperantistaj celebradoj: ĵaŭdon vespere oni inaŭguris la novan bibliotekon de la rondo post la grava alporto de pli ol 2.000 interesaj libroj de la forpasinta d-ro José Olavide fare de lia edzino Pilar Sánchez. *Frateco* volis per tiu solena inaŭguro danki tiun sinjorinon pro tiu malavara donaco, kaj honore al la forpasinto oni metis lian nomon al la nova biblioteko, de nun, *Biblioteko de d-ro José Olavide.*

Unue s-no Antonio Marco Botella prezentis sian libron *Lirikaj perloj de Al-Andalus*, ĵus reeldonita de la prestiĝa kultura institucio "Fernando el Católico" de la Provinca Deputitaro de Zaragozo. Tuj poste, la bibliotekisto de *Frateco*, Antonio Valén, dankis nome de la Centro al la vidvino de d-ro Olavide pro ŝia grava donaco kaj li rakontis belajn anekdotojn pri D-ro

Olavide, kiuj klare montris, ne nur ke li estis fanatika libroamanto, sed ankaŭ talenta homo, kiu regis la lingvon Esperanto kaj uzis ĝin per rafinita stilo. Poste, oni anoncis la novaĵon, ke la Urbestraro de Zaragozo akceptis la proponon de *Frateco* doni la nomon «Glorieta del Esperanto» al nova ĝardeno en la centro mem de la urbo. Manĝetoj kaj trinkaĵoj donis finon al tiutaga festo. Vendrede, en restoracio Savoy, oni okazigis la komunan vespermanĝon.

**Barcelono**

La 19an de decembro, okazis en la sidejo de Barcelona Esperanto-Centro kunveno por festi la finon de la Esperanto-kursoj. Oni prezentis unue la video-Esperanto-kurson *Mazi en Gondolando*. Due, la novan lernolibron de Miguel Gutiérrez Adúriz *Esperanto. Curso del idioma internacional*. Fine, s-ro Salvador Aragay prezentis la antologion hispana-araba-hebrea *Lirikaj perloj de Al-Andalus*, de Antonio Marco Botella.

**Tria Internacia Kultura kaj Turisma E-Semajno**

Organizite de Hispana Esperantista Fervojista Asocio, kaj sub aŭspicoj de Hispana Esperanto-Muzeo okazis en Salou (Tarragona), de la 4a ĝis la 11a de novembro en salono de hotelo «Belvedere», la 3a Esperanto-Semajno.

La inaŭguro okazis dimanĉon, 5an de novembro, kun partopreno de la konsilantino pri Kulturo de la urbestraro de la menciita urbo, s-ino Dolors Oliva, kiu ankaŭ reprezentis la Patronadon pri Turismo kaj Komerco de Salou. Ŝi, bonvenigis la esperantistojn tie kunvenintaj kaj post diversaj konsideroj afable petis ilin "sin senti kvazaŭ en la propra hejmo".

Sekve, s-ro Salvador Gumá, prezentite de samideanino Luz Vázquez, disertaciis pri la temo *Konfliktoj en internacia lingvo*, en kiu li pledis por la klasika Esperanto kaj la iama idearo de la esperantistoj. Li komparis Esperanton kun piano: «La ludisto devas adaptiĝi al la klavaro, kaj ne inverse; esperantistoj devas adaptiĝi al Esperanto kaj ne inverse. Neniu pianisto ŝanĝas ion de piano. Tute same neniu esperantisto devas ŝanĝi ion en la lingvo. Se iam dika trabo rompiĝas, la kulpo estas ne la supra pezo sed de la anobioj, nevideblaj, ronĝintaj ĝian internon. Ankaŭ Esperanto havas anobiojn interne! Zorgon kaj lingvan disciplinon!» Nia veterana samideano ricevis varman unuaniman aplaŭdon.

Postagmeze, invitite de la urbestro, la esperantistoj vizitis la urbon per turisma trajneto sen fervojo. Estis ja agrabla promenado ĉar urbo kaj strando estas vere admirindaj. Kaj vespere, Profesorino Carla de Lorenzi prezentis la novan video-kurson de Esperanto

*Mazi en Gondolando*, plaĉe akceptita de la ĉeestan-taro.

Kaj nokte, la ensemblo de "habanera"-kantoj *Kvar Ventoj*, kun akompano de gitaroj kaj akordiono, kantis popularajn belajn kanzonojn "habanera"j, kiuj faris la plezuron de la ĉeestantaro. La Festo finiĝis per la kutima trinkaĵo el rumo.

Speciale elstara estis dum la tuta Semajno la Esperanto-kurso gvidata de profesorino de Lonrenzi per la Cseh-metodo, kun akompano de la video-kurso *Mazi*, kiu altiris multnombre la ĉeestantaron.

Prelegantoj estis, lunde, Giordano Moya, pri la temo *Kion celas la Esperanta Movado?* Li priskribis la plej elstarindajn reliefojn de la parolado de D-ro Zamenhof en la 6a UK en Vaŝingtono (1910) pri la celoj de la espe-rantismo, kiu, konsistas en la unuiĝo de la homaro.

Post tiu prelego, samideano Moya kune kun la eldonisto de lia verko, s-ro Salvador Aragay, prezentis sian verkon *Survoje al universala civilizacio*, plaĉe akceptita de la ĉeestantaro.

Ankoraŭ tiun lundon nokte, Ricard Güell prezentis filmojn kaj deklamis plurajn poemojn.

Marde, R. Güell prelegis pri *Jarcento de kinnaskiĝo*, kies sekvo estis prezento ĉiunokte de filmoj, la lasta *La ĥimero de l' oro*, de Charlie Chaplin, en kiu, la fama komikisto parolas Esperanton per la voĉo de R. Güell, kio donis originalecon al la prezentado.




Ĵaŭdon matene, prof. Iaroslav Matvijiŝin, prelegis pri sia lando, Ukrajno, priskribis ties belaĵojn kaj aludis per okulfrapaj paroloj la aktualan mizeron en kiu vivas la ukrajnanoj.

Posttagmeze prelegis pri *La Transa Lingvo* Pascual Pont. Li priskribis la historion de la lingvoj de la pratempo ĝis kiam antaŭ kvin mil jaroj aperis la skribo, per kiu la lingvoj fariĝis la plej gravaj portantoj de la kulturo.

Vendrede prelegis Luis Serrano pri *Toleremo*. Li analizis tiun koncepton sub pragmata vidpunkto kaj akcentis la kontraŭdirojn kiujn ĝi enhavas, indikante ke en multaj kazoj, se la socio estus justa, oni ne bezonus toleremon, ja la maljusteco estas kiu generas tiun bezonon.

Dum la Semajno okazis tri duontagaj ekskursoj: du matene al Reus kaj Tarragona, kaj unu vespere al la monaĥejo de Poblet. En Reus oni vizitis la preĝejon Sankta Petro, la domon Navas, el modernisma stilo, kaj la teatron Fortuny. En Tarragona oni vizitis la romiajn ruinojn, la katedralon kaj fine, la ekskursantoj, promenadis laŭlonge de la romiaj muregoj. La ekskurso al Poblet inkluzivis viziton al la muzeo pri rura vivado "La saĝeco de la populara Katalunio" de Espluga de Francoli, en kiu oni povis admiri sub figuroj skulptitaj de la arta skolo de Olot, malnovajn tradiciajn metiojn jam malaperintajn. En sama urbo ankaŭ oni vizitis la kavernon "Pli granda Fonto", kiu enhavas muzeon pri la Neolitika Epoko, tiam loĝata de tiuj primitivaj homoj.

Vendrede nokte, la prezidanto de la Internacia Kultura kaj Turisma Esperanta Semajno, Lluis Mª Hernández Izal, per paroladeto donis finon al la ĉi-jara Tria Semajno.

*Giordano Moya Escayola*

**Naskiĝis la biblioteko «D-ro José Olavide»**

En niaj 308a kaj 309a numeroj de *Boletín* (nov. 1992 kaj jan. 1993) ni informis pri la forpaso de D-ro José OLAVIDE, aktiva membro kaj regula instruanto en la aragona esperanto-klubo *Frateco*. D-ro OLAVIDE -kuracisto laŭ profesio, kaj tamen nekuracebla libro-voranto- posedis ĉirkaŭ 2.000 esperantaj volumoj, t.e. la plej granda privata esperanto-biblioteko en nia lando. Post kelkaj demarŝoj de Antonia Lapuerta kaj aliaj fratecanoj, la vidvino de José OLAVIDE, Doña Pilar Sánchez, grandanime konsentis donaci ĉiujn esperanto-librojn de sia edzo al *Frateco-Esperanta Societo*. Plej koran dankon, Doña Pilar Sánchez!



Tia donacego fakte signifis, ke la libraro de D-ro OLAVIDE en la *Frateco-Biblioteko* estas pli nombra ol la jam ekzistanta stoko. Pro evidentaj kialoj, la klub-estraro deziris esprimi sian dankemon, kaj unuanime decidis rebapti la tutan *Frateco-Bibliotekon* laŭ la nomo de nia karmemora libro-amanto: *Biblioteko D-ro José OLAVIDE*.

En la biblioteko de d-ro José Olavide troviĝis pluraj juveloj, ekzemple, dudektri *ludovikito*-libroj,

plenaj kolektoj de la *Nica Literatura Revuo, La Pirato, Monda Kulturo, Norda Prismo*... kaj la plej brila diamanto: plena kolekto de *Literatura Mondo* laŭ la japana represo de la 70aj jaroj. Kia delico por beletremuloj!

Kaj proze, sed ne malpli ĝue: por povi transporti ĉiujn novajn librojn en la klubejon, oni bezonis tri aŭtomobilojn; krome, oni devis aĉeti du grandajn bretarojn, kiujn portis, muntis kaj dotis per seruroj kaj ŝoveblaj vitroj niaj samideanoj Alberto Pérez Gimeno kaj Luis Manuel Puey Fraile. Dankon amikoj!

Kaj rean dankon al Doña Pilar Sánchez, kies malavara donaco disponigas al la esperantistoj certe pli ol 3.000 volumojn. Ĉiuj tiuj titoloj atendas vin en la *Biblioteko D-ro José OLAVIDE* de Zaragozo. Ek al leg', samideanoj!

*La Redakcio*

**Teatro en Esperanto**

LF-koop. invitas al la Internacia Literatura Forumo pri Teatro en Esperanto. Sabatejo/Szombathely, 5-10 de julio 1996. Fakaj prelegoj. Riĉa programo. Teatraj spektakloj, ekskursoj,malmultekosta loĝeblo. Specialaj rabatoj por Grupoj ĝis 31 de marto 1996.

Petu informojn kaj aliĝilojn al: Esperanta PEN-Centro, H-1580 Budapest, PF 117, aŭ Literatura Foiro, CP 779,CH-2301 La Chaux-de-Fonds. Svisio.



**Esperantaj Somerkursoj en la universitato de Hartford**

La E-kursoj denove okazos en 1996, de dimanĉo la 7a de julio ĝis sabato la 13a de julio. Altnivelan kurson gvidos la fama verkisto Spomenka Ŝtimec, kaj Jozefo F. Conroy, ĉefo de altlernejo en Philadelphia, gvidos la bazan kaj mezan Esperanto-kursajn nivelojn.

Informoj pri la Somerkursoj ĉe: Esperanto Society of New England; P.O. Box 655, Concord MA 01742, EE.UU. de América, aŭ telefone (508) 264-4349.

**Fondaĵo Karolo Piĉ**

Kiel sendube jam scias niaj legantoj, la 15an de aŭgusto 1995 mortis en Litomiŝlo la Esperanta verkisto Karolo Piĉ. Familianoj kaj

amikoj tuj decidis starigi apartan Fondaĵon Karolo Piĉ, kiu zorgos pri lia postlasaĵo, la eldono kaj konstanta haveblo de liaj verkoj kaj la protekto de la aŭtoraj rajtoj. Ni informas al nia legantaro, ke post intensaj prepar-laboroj la Fondaĵo estis kreita. Kunlaborantoj en tiu fondo-tasko estis: O.Deubert, C.Gacond, I. kaj R.Haupenthal, M.Korwin, H.Mayer, V.Onesorková, Henri Vatré, G.Neves, B.Ragnarsson.

Jen kiel subteni la Fondaĵon:

-Kontribui al la realigo de la celoj
-mendi la jam aperintajn verkojn de Karolo Piĉ
-antaŭmendi aperontajn verkojn
-helpi finance per mondonacoj

Informoj ĉe Iltis-Eldonejo (Fondaĵo K. Piĉ); Postfach 600 130 D-66067 Saarbrucken, Germanio.

**Esperanto en la radio kaj la ĵurnaloj**

Multfoje, laŭlonge la la jaro, Esperanto trovas lokon en la amaskomunikiloj. En Kantabrio, samideano Miguel Gutiérrez estis plurfoje intervjuata de pluraj radiostacioj: «Onda diez», «La Cope», ktp. kaj aperis raportoj pri la lernolibro "Esperanto, curso del idioma internacional" en la du plej legataj ĵurnaloj de la regiono: «Alerta» kaj «Diario Montañes» kun interesaj informoj kaj foto.

Ankaŭ niaj samideanoj de la HEF-Oficejo daŭre agadas en la informa kampo, kaj lastatempe aperis propaganda filmeto en «TeleMadrid», oni intervjuis la triopon Manolo Parra, Ana Manero kaj Marcos Cruz por la programo *Un mundo sin barreras* de «Onda Cero» kaj ĉe la radiostacio «Voz». Cetere, en suplemento de «El país», *El País de las tentaciones*, aperis foto kun informoj pri la absolute rekomendinda kompakta disko "Vinilkosmo".

**E-Literoj**

De longe ĉiuj HEF-membroj, uzantoj de IBM-kongruaj komputiloj, povas senpage mendi de la HEF-Oficejo la necesan liter-tiparon por uzi esperanton en siaj aparatoj. Tamen ĉi-foje la novaĵo estas, ke ekde nun ankaŭ la uzantoj de *Macintosh*-komputiloj havas je sia dispono ĉi «bonan servon», kiun liveras nia agema Federacio.

**Komputila esperanto-kurso**

Fine de la pasinta jaro aperis ĉe la "Revuo" CD-Ware, eldonita de Multipress, CD-Romo (t.e. kompakta disko por komputiloj) kun Esperanta kurso, origine verkita por anglalingvanoj, kaj aro da priesperantaj informoj tradukitaj de samideano José Fco Martín del Pozo. Tiel simple, miloj de komputilemuloj en nia lando ekkonis esperanton kaj havos aliron al ĝi.

Kampanjo de Hispana Esperanto Federacio por




Anigu novan membron kaj ricevu donacon

Por firmigi la ĝisnunajn atingojn
Por daŭre konstrui modernan movadon
Por oferti ĉiam pli multajn kaj pli bonajn servojn

**kUNLABORU EN LA KAMPANJO**

---

# Kaj viglas plu...

La aŭstra eldonejo *Pro Esperanto* daŭre lanĉas belegajn librojn kun la komposta kunlaboro de *Fundación Esperanto* de HEF. «Tena, hejmo en mezeŭropo» de la kroata verkistino Spomenka Štimec, kaj «Verdaj Donkiĥotoj» represo de la konata verko de la hungara verkisto Julio Baghy estas la du lastaj libroj surmerkatigitaj de la brava eldonisto S-ro Herbert Mayer, gvidanto de la eldonejo kaj Direktoro de la Esperanto Muzeo en Vieno.

ATENTU — en anonco de la antaŭa numero de Boletín ensteliĝis ĝena eraro. La abonkotizo al «El Popola Ĉinio» estas **3.500 ptoj**. La redakcio de Boletín pardonpetas pro la eventuale kaŭzitaj ĝenoj.




# *Lirikaj Perloj de Al-Andalus*

de Antonio Marco Botella

## Esperanto, curso del idioma internacional

de Miguel Gutiérrez Adúriz

**Ĝuu ankaŭ vi la plej vendatajn librojn**

Lirikaj Perloj de Al-Andalus (Marco Botella) . . . . . . . . . . . . . 1.900
Esperanto. Curso del idioma internacional
(además de la) Clave de los ejercicios . . . . . . . . . . . . . . . . 1.500

## Libroservo de HEF




**Apartado 119**
**47080 Valladolid**
**Tel: 983-26-00-86**

# Atentigo pri komposteraro

## Plendo pri komposteraro

Antaŭ nelonge mi ricevis leteron de s-ro Antonio Marco Botella, la redaktoro de *Boletín* kaj *Kajeroj el la Sudo*, kiu plendis, ĉar en mia artikolo pritraktanta fundamentajn legaĵojn pri la historio de Esperanto, («Ne tralegi, sed tralerni», *Literatura Foiro* n-ro 156, aŭgusto 1995, pĝ. 180-185), ĉe la referenco de lia verko *Analoj de la esperanta movado en Hispanujo* mankas la nomo de la aŭtoro. Mi jam kontrolis la 6-paĝan artikolon kaj trovis ankoraŭ kelkajn misojn kaj mankojn. Ekzemple, ĉe la referenco de la duvoluma historio pri Esperanto de Edmond Privat, estis ellassita ankaŭ lia nomo. Bedaŭrinde, povra Privat ne povas reklamacii, ĉar li mortis antaŭ tri jardekoj. Mi atendis komentojn kaj kritikojn pri mia listigo de prihistoriaj verkoj, sed ĝis nun la sola leganto, kiu skribis al mi, estas s-ro Marco. Mi, do, intencas sendi al la redakcio de *Literatura Foiro* informon pri la ĝustigendaĵoj, kiuj ĝis nun estis trovitaj.

## Klasifado de komposteraroj

Laŭ mia ekzameno de la tipoj de komposteraroj aperantaj en Esperantaj publikigaĵoj, mi klasifas ilin en tri kategoriojn.

1. Memevidentajn erarojn povas ĝustigi iu ajn inteligenta leganto, ĉar temas plejparte pri interŝanĝo aŭ ellaso de literoj en vortoj. Oni supozas, ke la aŭtoro sciis, kiel literi la koncernajn vortojn aŭ nomojn, do kulpas malatenta kompostanto. La esceptoj estas tiuj eraroj, kiuj rezultas el nescio pri la ĝusta formo de vorto aŭ nomo en Esperanto. Tre ofta eraro estas la nomformo *Kolombo* anstataŭ *Kolumbo*? Kaj kion diri pri la vortformo *departamento*. Kiom da esperantistoj scias, ke la ĝusta ortografio estas *departemento*? Kiam aŭtoroj, redakcianoj, kompostantoj kaj reviziantoj, kiuj ne scias

tion, lasas la eraran vortformon en tekstoj, ili neniel povas preteksti komposteraron.

2. La dua kategorio de komposteraroj ne estas facile rekonebla fare de legantoj, kiuj ne havas antaŭ la okuloj la tajposkripton de la aŭtoro. Temas pri enmeto en la tekston de vortoj, kiujn la aŭtoro ne skribis, aŭ preteratento de partoj de la originala teksto. Eble la plej ofta vorto, kiu estas ellasita, estas *ne*. Tio rezultigas ŝanĝon de la signifo de frazo. Ekzemple, en *Kulturaj Kajeroj* (3/1995, pĝ. 7) troviĝas jena fuŝita versio de zamenhofa proverbo: «Nur tiu eraras, kiu neniam faras». Efektive, en tiu ĉi formo ĝi estas sensenca, sed neniu en la redakcio rimarkis tion. En tiu ĉi kazo leganto ne devas tro cerbumi por diveni, kiel tekstas la proverbo en la *Proverbaro* de Zamenhof: «Nur tiu *ne* eraras, kiu neniam ion faras». La plej katastrofa misagado de la komposteja koboldo okazas, kiam li (aŭ ŝi) ellasas ne nur vortojn sed tutajn frazojn aŭ alineojn. En tiaj okazoj legantoj estas senhelpaj, ĉar neniel eblas rehavi la originalan teksteron.

3. Eĉ plej harstariga komposteja bizaraĵo konsistas en intermiksado de la ordo de alineoj, kiam kolumnoj de kompostita teksto estas aranĝitaj sur paĝoj. Legantoj alfrontas veran puzlon por serĉi la konsekvencajn ligojn inter la diversaj tekstpartoj. Simile granda fuŝo okazas, kiam la jam numeritaj paĝoj estas kunmetitaj laŭ kaprica ordo, kun la rezulto ke partoj de la sama artikolo aperas dise en la periodaĵo. Tiu misaranĝo devigas legantojn konstante transturni paĝojn por trovi la daŭrigojn.



**Ĉu komposteraroj estas eviteblaj?**

Ĉu ekzistas ĉi-flanke de paradizo redakciejo, kie ne okazas malbona kompostado de tekstoj? Mi estas certa, ke en Esperantujo ĝi ne estas trovebla. Ĉar mi kutime legas kun krajono enmane, mi daŭre makulas la marĝenojn de

libroj kaj periodaĵoj per ĝustigendaĵoj. Mi tamen havis la amaran travivaĵon, ke ne valoras sciigi redaktorojn kaj aŭtorojn pri iliaj mispaŝoj. Ili tutsimple balaas miajn komentojn sub la tapiŝon kaj rifusas eĉ informi abonantojn kaj legantojn pri la eraroj.

## Ĉu aŭtoro povas roli kiel korektanto?

Kelkaj sentivaj redaktoroj, kiuj hontas pro mia rivelado de ilia nekompetenta laboro, adoptis la laŭdindan kutimon sendi kompostaĵojn, por ke mi mem senerarigu ilin. Ŝajnas, ke tio povas esti solvo de la problemo, almenaŭ rilate komposterarojn en miaj propraj verkoj. Sed oni sciu, ke la komposteja koboldo estas senkompate malica, do li ĉiam trovas manierojn nuligi mian laboron. Ekzemple, en lastatempe eldonita numero de *Debrecena Bulteno*, mi konsterniĝis, ĉar unu el miaj artikoloj ankoraŭ havis ĉiujn malĝustaĵojn, pri kiuj mi perletere atentigis la redaktoron. Li senrespondece ignoris ilin! Kontraŭ tia sabotado de mia helpa laboro ne estas rimedo.

*Bernard GOLDEN*

---




Kun plezuro kaj granda intereso mi legis sur paĝoj de *Boletín-321* la artikolon «Kio bonas por la lingvo, kio bonas por la fajro», de nia prezidanto Antonio Alonso, kaj kiel komputiluzanto kaj esperantisto mi plenplene apogas lian opinion pri la temo de la ĉapeligitaj literoj, kiam oni ne disponas de la koncernaj signoj.

Mi uzas la komputilon de antaŭ tri jaroj kaj mia inklino por tiu tekniko kaj Esperanto impulsis min fondi mesaĝareon *Esperanto-fakon de Clavius BBS* (Hispanet) kaj lokan nodon de *FidoNet, Club-PC BBS*. Mi adoptis la solvon proponitan de A. Alonso Núñez en tiu artikolo, t.e., se eblas ĉapeligi kaj kiam tio ne eblas uzi kunan *h-on*. Bedaŭrinde, aliaj samideanoj defendas kion ili nomas «x-



alfabeton» (solvo 2b, kio nur estas *kuna ikso*), kaj ili donas kiel eksplikon de tiu uzo, *ĉar estas pli klara*, kvankam miaopinie tio anstataŭ solvi enorme komplikas la aferon. La preteksto estas, ke tiu rimedo estis proponita de la fondinto de Esperanto mem en la *Aldono al la Dua Libro de Esperanto.* Kiel perfekte rezonas samideano Alonso, temas pri personoj kiuj pensas «ke la sola moderna aparato uzebla por Esperanto estas la globkrajono kaj kio reale pretendas tiuj reformemuloj estas nuligi la oficialan alfabeton kaj starigi alian novan».

Cetere, mi opinias trafa la ideon de Zamenhof uzante la duonvokalon *ŭ*. Nia majstro rekomendis uzi simplan *u*-n kiam oni ne disponos de la kompleta *ŭ*, sed en la nuna limigita klavaro de niaj komputiloj ankaŭ ekzistas *ù* kaj *ú*, ambaŭ taŭgaj por nia skribado, sed mi preferas la unuan el ili, ĉar:

1) ĝi iamaniere forigas la naturan inklinon de hispanoparolantoj voĉe akcenti ĝin kiel sendube okazus uzante *ú*, kies signo ni tuj asocias al nepra akcento kaj sekve modifas la karakteron de *ŭ* kiel duonvokalo.

2) ĝi estas pli facile atingebla pere de la koncerna fingro en la normala klavaro IBM kongrua. La bezono por adopti *ù* venas de la diferenco de sono inter *neŭro* kaj *ne-u-ro*, kiuj estas dusilaba kaj trisilaba respektive. Ili estas malsimilaj vortoj. Se oni uzas *ù*, oni povas tajpi esperante pere de malperfekta teksprilaborilo, kaj kiam ni finfine povos uzi decan ilon, oni povos «serĉi kaj anstataŭi» (kio estas funkcio de ĉiu ajn teksprilaborilo) ĉiun *ù* per *ŭ*.

La celo de mia artikolo nur estas subteni per mia rezonado la tezon de Antonio Alonso pro lia kuraĝa kaj interesa artikolo, kiun mi nepre uzos en mia reto, kompreneble se li ne malpermesas al mi tion

*Jesus de las Heras*

---




Ne unuafoje en nia revuo aperis la esprimo reto *Internet*, kaj ĉiufoje pli ofte oni povas legi ĝin sur la grandaj ĵurnaloj. Generacio de junaj homoj ankaŭ parolas senlime pri la temo, tamen ekzistas multaj personoj sufiĉe inteligentaj, kiuj apenaŭ komprenas la signifon de tiu vorto. Antaŭ ne longe unu el niaj legantoj kaj en la nomo de pluraj aliaj amikoj, adresis al nia Redaktejo leteron sugestante nin klarigi sur nia revuo kio reale estas reto *Internet*, kaj li tuj aldonas, «sed ni volas tion scii per lingvo vulgara, t.e. sen teknikaj fanfaronaj esprimoj»...

Mi konsultis teknikiston pri la temo, kiu donis al mi eksplikojn pli-malpli en tiu ĉi senco: «Reto *Internet*, —li diris— estas reto de komputoroj interkonektitaj kiuj ebligas ke milionoj da uzantoj povas interkomunikiĝi per elektronika sistemo, kaj ankaŭ ricevi informojn pri plej diversaj temoj. Antaŭ nelonge tiu reto estis nur uzata de sciencistaj komunumoj aŭ registaraj institucioj (en Hispanio, la reto IRIS de la Supera Centro pri Sciencaj Esploroj interkomunikas la akademiajn Centrojn pri esplorado). Plie, tio estas -li aldonis- baza instrumento por scienco-esploristoj, ĉar ebligas la interŝanĝon de opinioj kaj informado pri taskoj jam realigitaj de sciencistoj en la tuta mondo».

Nun, ne gravas kiu privata homo, entrepreno aŭ institucio povas konekti sian komputilon al tiu ĉi reto kaj ricevi informadon aŭ meti la sian je la dispono de uzantoj de pli ol 30 milionoj da personoj en la tuta mondo kaj pli ol 200.000 en la tuta Hispanio. La katalogo pri

produktoj, la servoj kiujn ofertas entrepreno, priscienca informado kaj eĉ opinioj pri iu ajn temo, povas esti *enmetitaj* en la reto: tra la tiel nomitaj, *aŭtovojoj de la informado,* vojaĝas mesaĝoj, gazeto-artikoloj, fotografaĵoj kaj eĉ muziko. Multnombraj entreprenoj el la tuta mondo vendas siajn produktojn per tiu reto.



Inter la instrumentoj plej ofte uzataj por akiri informadon estas la programoj kiuj ebligas eniri en la nomataj World Wide Wed, WWW aŭ W 3, servantoj per speciala lingvaĵo (HTML), kiuj provizas tekstojn, bildojn kaj sonojn altkvalitajn. Ekzistas meĥanismoj por efektivigi tiujn informo-serĉojn kiujn ni bezonas, eĉ ne konante kie troviĝas la adreso de la koncerna komputilo. En tiu punkto kuŝas la graveco de reto *Internet*, ĉar tuj post ne longa tempo eblas akiri tiun informaĵon kiun ni bezonas, ne gravas en kiu mondoparto ĝi troviĝas.

Por konektiĝo al reto *Internet* oni bezonas: komputoron, softvaro kiu ebligas nin laboradi en la reto, modemo konektita al la telefonlinio, kaj speciala konto kun telefonentrepreno por eviti altajn fakturojn de tiu servo. Oni devas akiri modemon kiel eble plej baldaŭ por eviti ke la respondotempoj estu ekscesaj.

Ekzistas en Hispanio kaj konkrete en nia lando *Internet*-reto fondita de esperantisto, kaj kelkaj el niaj kolegoj multe aktivas per tiu reto. Ni menciu la nomojn de Jesus de las Heras, Marcos Cruz, Hector Barca k.a. Al unu el ili, novaj informadikaj valoroj de Esperantio, mi petas pli kompletajn informojn pri la uzo de Esperanto en tiu *Internet*-reto.

Mi esperas ke unu el ili pozitive respondos al nia peto, kaj sendos al ni artikolon, pli por kompletigi la scion pri la temo de niaj legantoj, ol por komplezi al mi.

*La Redakcio*

# Ricardo León (1877-1943)

Akademiano de la hispana lingvo. Elstara verkisto naskiĝinta en Barcelono, aŭtoro de poemoj, eseoj kaj noveloj. Liaj unuaj romanoj "Casta de hidalgos" (Kasto de hidalgoj, 1908), "Alcalá de los Zegries" (Alcalá de Zegrioj, 1909), "El amor de los amores" (L' amo el l' amoj", 1910) jam senerare esprimas la tendencon de la verkisto por temoj historiaj kaj formale tradiciaj de la hispana beletro, sen tro alta eskvizita nivelo kaj konstatebla arkaika leksiko. Li ofte uzas okulfrapajn bildojn, kiuj momente impresas, sed kiam ili daŭras, lacigas kaj ĝenas la leganton.

Lia poezio rangas inter la unuaj de la fino de la pasinta jarcento kaj komenco de la nuna. Jen bela soneto en kiu li montras sian talenton:

**Si havis bluajn okulojn**

L' okuloj bluaj de l' ĉiel' envio,
La blondaj bukloj brilaj kiel oro,
Rideto dolĉa kiel anĝelploro,
Lipetoj fajraj kaj ĉe l' kor' glacio.

Ŝi estis ĉe mi ĝojo kaj gracio,
Afabla katinet' kaj gajtintilo,
Dum nokto estis ŝi sorĉmuzikilo,
Najtingalkant' printempa, lunradio.

Ombroj kaj dornoj, fine amarsentoj,
Ungegoj akcipitraj, inferflamo,
De sango ruĝa la eburaj dentoj.

Ŝiaj logbukloj, kaptoŝnur' de amo,
Kun l' okulblu' penetris en silentoj
Kaj mian koron vundis por ĉiamo.



Liaj versoj esprimas plejofte tiujn reagojn temperamentajn kaj primitive pasiajn de la popola homo nialanda antaŭ certaj krizocirkonstancoj, en kiuj la koro fortas pli ol racio, kaj la sentoj kreas situaciojn violentajn, en kiuj streĉaj scenoj de amo kaj morto fariĝas neelteneblaj, simile kiel en jena poemo:

### Ĝojoj kaj malĝojoj el Amo

Vidu hirta mian haŭton
pro elvok' de via nomo...
Tra la gorĝ' torente venas
de la fund' de mia koro
freŝa ruĝa sangrivero
el vundeg' de amo-volo
mian korpon trapasante
kvazaŭ doloriga dorno.

Vundas najloj miajn manojn
kaj tranĉiloj miajn fingrojn,
mi sur temporaloj sentas
kronon kun korvnigraj pingloj.
Vidu mian haŭton hirta
post dolora konstatigo
ke mi, kvankam leĝa edzo,
amas vin per fraŭlpasio.

Inter ambaŭ domoj niaj
staras muro de silento
de rubusoj, opuntioj,
de kalk', sablo, vent' kaj veproj,
de urtikoj agresemaj
kaj obskuraj loniceroj.
Mur' giganta nesaltebla,
kiu gardas l' intimecon,
kontraŭ ĉies murmurado
de l'popola scivolemo.

Kaj mi konas vian amon,
kaj vi scias pri la mia
tamen en neniu kazo
tion sciu ja l' aliaj!
Ho pun'! dolĉa kora sento
de amoro idilia
kiom ni silente ĝojas
de ĉi amo eskvizita!

Kiam nokte mi tutsolas
venas vi en mia penso,
mi transsaltus ĉiajn barojn
separantaj niajn ejojn,
rompus mi per miaj manoj
viajn fortajn ferfenestrojn
nur por flegi vian dormon...
ho, turment' el la turmentoj!

Kaj mi, tiam, vin kisadus
kun ekstazo kaj despero,
ĝis forpren' de via spiro,
lasta amsopir' de revo!
Kaj post tio... ho, deliro!
kial mi ne, sen plu plendo,
resti ĉiam sur la brakoj
de la morto por eterno?

Nia amo estas timo,
rev', realo, plor', sufero,
morto, vivo kaj angoro,

suno, luno, roz'kaj vento...
Ĝi ja estas agonio
kaj vivi kun la sentenco
de minaca glavoklingo
ĉiam sur la plafondpendo.

Ofte iras mi al kampo,
tutsola, nur kun la celo
palpi la poŝttukon vian,
kiun perdis vi dum festo
kaj mi diris vin neniam
pri la trov' de la tuketo
kaj la ĝu' de mia koro
ĝin palpadi en sekreto.
Kaj mi ĝoje ĝin karesas;
kaj ĝin premas kun ŝatego
kvazaŭ sukan novcitronon
riĉa de bongustaj ecoj;
mi l'inicialojn legas
kaj ripetas en silento
por ke eĉ la tuta kampo
ne ekkonu mian senton.

Hieraŭ ĉe placo "Nova"
-zorgu vi pri ne ripeto!-
vi vorkisis mian filon,
la plej junan infaneton,
tiel arde kaj amore
-ho, virgino de l'Rimedoj!
ke ĝi estis foj' unua
ke vi kisis min ĝis kerno.
Mi flugkuris mian domon,
prenis arde la fileton,
kaj kun zorgo de ŝtelisto
por evit' de gvato-tentoj
mi formordis vian kison
de lia papav-mieno...
Ho, kiom malĝoj' kaj ĝojo,
ami vin kun tia senso!

Nu, plej kara am' el amoj!
tio kio al ni venos,
ekde nun ĝis l' infinito
ja ne ŝanĝos niajn sentojn,
eĉ se firmament' defalos,
kvankam en l' abismdanĝero
de kritikoj plej insidaj
metu nin scivola gento,
mem se homoj senskrupulaj
aĉe niajn nomojn tretos
aŭ prezentos l'amon nian
kiel monstra fiafero,
vi eterne al mi amu
amturment' el miaj revoj!
Ho, malĝojo, ĝojo nia,
de amego en silento!



**RICARDO LEON**

Verkisto kun profundaj konvinkoj konservativaj, post la intercivitana hispana milito, li verkis denove pri temoj laŭdantaj la historion kaj hispanajn tradiciojn kun karakterizoj tre similaj al tiuj noveloj, kiujn li verkis en siaj unuaj tempoj, ni citu inter ili "Cristo en los infiernos" (1943) ("Kristo ĉe l' inferoj"), sed en tiuj noveloj malaperas lia lirikismo kaj temperamentaj pasiaj esprimoj kaj eĉ certa kultismo, kiuj, miaopinie, estis liaj plej valoraj beletraj kvalitoj.

Li forpasis en Madrido en 1943.

A. M. B.

**HEF-kotizoj 1996**

| | |
|---|---|
| Ordinara membro | 3.300 |
| Emeritoj, junuloj . | 2.650 |
| Patrona membro | 6.600 |
| Kolektiva membro | 6.600 |
| Dumviva membro . . . . | 220.000 |
| Kolektiva abono (Boletín, 10 ekz.) | 16.500 |

Konto: 14.011.966 Caja Postal

---

## Eventoj

aperas dusemajne, akurate,
ankaŭ somere;
interesajn, elektitajn artikolojn
represas el ĉ. 100 aliaj E-revuoj;
raportas pri aktualaj aferoj:
kie, kio okazas en Esperantio?;
informas pri aranĝoj, renkontiĝoj,
pri E-servoj, instruado...



La abonkotizon por 1966, (5.700 pesetoj/ 6.600 aerpoŝte) pagu en la HEF-konton 14.011.966 de Caja Postal kaj informu la HEF-oficejon.

**Eventoj estas io alia, ol la kutimaj movadaj gazetoj.**






## KREPUSKAJ FLOROJ ĈE LA LIMO

«La Floroj de l' Krepusko», romano originale verkita en esperanto. Aŭtoro: Sergio Elgo. Eldono: Kooperativo de Literatura Foiro. Unua eldono, 1995. 167 pĝ. Prezo, 29,10 gld.

Sur la verda kamparo de la esperantista beletro aperis romano originale verkita en Esperanto, kies titolo estas *La floroj de l' krepusko*. Se iu pensas, ke ĝi temas pri Botaniko, tiu eraris la vojon. Persone, mia unua ekvido sugestis al mi alian perspektivon: la titolo memorigis min pri la elstare f(l)ama verko de Charles Baudelaire *Les Fleurs du Mal*, kies tradukon en Esperanton (*La Floroj de l' Malbono* ni povas ĝui danke al la bonvolo de Kalmán Kalocsay kaj Gaston Waringhier. Sed ĉu la *Krepuskaj Floroj* rilatas al la *malbonaj floroj*? Ne speciale, kvankam dufoje aperas la libro de Baudelaire en la libro de Elgo.

Tamen mi agnoskas, ke mi trovis alloga la titolon. Vane, ĝi sonoras kiel paradokso inter vivo kaj morto, bunto kaj grizo, lumo kaj mallumo. Kaj poste mi pensis, ke foje ni forgesas, ke *krepusko* estas dusenca vorto. Ne ekzistas nur vespera aŭ ekmallumiĝa krepusko, ankaŭ ekzistas matena aŭ renaskiĝa krepusko. Do, ni estas antaŭ interesa vorto duflanka, kiu enhavas ideon de transiro.

Ankaŭ la realaĵo ne estas simpla. Ĝi estas plurflanke rigardebla. Sur la 14a paĝo ni povas legi tiusence: *la sola hoko en la ezoko estas, ke la blanko kaj la nigro povas inversiĝi, kiel la negativo de fotobildo*. Kaj tion ni povas prediki pri diversaj (af)eroj. Ekzemple, kvankam ne multaj, kelkaj preseraroj troveblas en ĉi tiu libro. Sed la eraroj ne ĉiam estas forigendaj. Ĉi tie, almenaŭ unu estas konservinda: Sur la 17a paĝo, troviĝas simpatia eltrovo: "[...] kaj eniris *juniulino* nigrahara, iom brunhaŭta [...] La enveno de la junulino estis kvazaŭ aprila venteto post vintra frosto". Ĉi tiu *juniulino* montriĝas al ni kiel

viviga anonco de bona vetero (kvankam poste ni scios, ke ŝi naskiĝis iun 23an de januaro).

La lego de la libro de Elgo (pseŭdonimo, ŝajne) estas sufiĉe facila kaj agrabla. Fakte en ĝi enestas bonaj ingrediencoj. Oni rakontas historion de mistero, de urbaj aventuroj, de teroristoj, de policistoj, de profesoroj... Ni ne troviĝas antaŭ ĉefverko, ĉar ĝi ne atingas sferan perfektecon, sed ĝi proponas al ni okazon por legi amuzan tempo-pasigilon kaj por pripensi diversajn temojn. Efektive, multfoje aperas dialogoj pritraktantaj politikajn kaj filozofiajn temojn. Sed ĉi tiuj filozofiaĵoj ne estas plumbaj (ankaŭ ne tro profundaj), ili restas je nivelo sufiĉe leĝera. Laŭ ni, resume, oni pritraktas du ĉefajn temojn:

-La nuntempa krepusko de la ideologioj, ĉefe politikaj, nome liberalismo kaj socialismo. En iu ĉapitro prezentiĝas ĉi tiuj du tezoj defendataj far du homoj kies nomoj estas tiel klare metaforaj kiel *Liberto* kaj *Sovio*.
-La (mal)pravigoj de la terorismo. Kurioze, la pseŭdonimoj de la teroristoj, kiuj aperas en la libro estas floro-nomoj. Eble ĉi tiaj sangaj floroj povas esti ankaŭ veraj floroj de l' malbono.

La aŭtoro ne klarigas, ĉu ni estas antaŭ pozitiva aŭ negativa krepusko. Probable, ĉar ne eblas. Sed ekzistas menciindaj detaloj, kiuj ŝajnas blovi optimisarajn ventetojn: *Oni aŭdas nur la eksplodojn de la grenadoj, la pafojn de la revolveroj, sed la silentan kaj profundan antaŭeniron de la homaro oni apenaŭ rimarkas* (pĝ. 145). Por fini mi ne rezistas la tenton mencii estimindan proponon pedagogian: *Jen mi revas, kiel historiisto, pri manlibro disdonota en la lernejon, en kiu oni rakontus nur pri la veraj progresoj de la homo [...] Oni forlasus kaj eĉ forgesus tiujn «grandulojn», kiuj staras statue sur la placoj, meze de niaj urboj, kaj kiuj plej ofte nur vane fluigis sangon. Oni zorge distingus inter tiuj, kiuj havis pozitivan rolon en la antaŭeniro, en la nepre necesa unuiĝo, kaj kiuj havis negativan, kiuj nur bremsis la evoluon* (pĝ. 146).

Mi samopinias: la vera Historio estas historio ne de bruoj sed de voĉoj.

Lorenzo NOGUERO

# La infano kiu rekolektis la buljonon

Estis foje infano, kiu kunportis la tagmanĝon por sia patro laboranta en la kamparo. La vojo estis tre longa, ĉar la patro iom foris, kaj la infano, ankoraŭ ne manĝinta, baldaŭ eksentis la grumbladon de sia malplena stomako kaj klopodis distri sin per kantado, tamen sensukcese. Do, tute nevole, la dekstra mano de la infano enŝoviĝis en la korbon, kiun li kunportis ĉe la maldekstra brako, deŝiris iom da pano, eltiris pecon de la frikasita viando kun terpomoj, kaj enbuŝigis la bongustaĵon.

Laŭlonge de la vojo ade li eltiris kaj manĝis pecetojn de la viando kaj terpomojn el la frikasaĵo, kiun li kunportis por la patro; ĝis fine, malgraŭ ĝisfunda priserĉo, li ne plu trovis ion solidan en la poto. Do, li lekis sian manon kaj suĉis la fingrojn.

Tiam, li ekkonsciis sian misfaron kaj ekploris, parte pro pento, parte pro timo al la reago de la patro, kiu atendis lin jam tre proksime sur la kamparo.

Kun lanta paŝo kaj torenta plorado, la infano aliris la patron, kiu laŭte pridemandis lin:

— Kio estas al vi? Kial vi ploras?

Sen respondi, kaj ankoraŭ ploranta, la infaneto alvenis ĝis la patro, kiu senĉese demandis:

— Kio estas, nu, kio estas, diru kial vi ploras?

Kaj la infano, transdonante la korbon, diris plorsingulte:

— Ve al mi... falis la korbo kun la manĝo, kaj mi povis rekolekti nur la buljonon!

*Hispana popola rakonto reverkita de Liven Dek*

## KONGRESKOTIZOJ

| | ĜIS: 31-3-96 | Poste |
|---|---|---|
| 1. Kongresano | 3.000 | 3.500 |
| 2. Kongresano (membro de HEF) | 2.500 | 3.000 |
| 3. Kunul(in)o (f) de kongresano | 2.000 | 2.500 |
| 4. Membro de HEJS (ĝis 30 j.) | 2.000 | 2.500 |
| 7. Eksterlandanoj | 2.500 | 3.000 |

## RIMARKOJ:

A) Plenigu kaj sendu la aliĝilon al:

55a Hispana Kongreso de Esperanto
Asociación Socio-Cultural "Ĉielarko"
Gregorio Mtnez Montesinos 3
30580 Alquerias — Murcia

B) Sendu la kotizon al:

Caja Rural de Almeria
Konto n-ro 3058-0250-83-2720-00073-6. Indiku: *Kongreso*
Plaza Alejo Molina
30580 Alquerias — Murcia

C) La kotizo ne estas repagebla, eĉ se la kongresano ne partoprenas en la kongreso.
D) La aliĝilon oni pritraktos nur post la ricevo de la koncerna pago.
E) La rabatitaj kotizoj (2) kaj (4) validos nur se la kongresano efektive pagis la kurantajn kotizojn de HEF aŭ HEJS.
F) Kunul(in)o= homo loĝanta kun aliĝinto.

---



---

# 55a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO




MURCIA, 12a—17a DE JULIO 1996

## ALIĜILO N-RO......

(SKRIBU TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj .................................
Antaŭnomo, s-ro/s-ino/f-ino (1) ....................
Aĝo (2) ............... Profesio (2) ..................
Adreso .........................................
Urbo .............. Poŝtkodo ... Provinco (3) ..........

Mi aliĝas al la 55a Hispana Kongreso de Esperanto kaj sendas la jenan sumon:

| | | |
|---|---|---|
| Kiel kongreskotizon | | ptojn |
| Kiel kongresdonacon | | ptojn |
| ENTUTE: | | ptojn |

Membro de HEF—HEJS n-ro:.......

Plenigu apartan folion por ĉiu persono samtempe aliĝanta
(1) Indiku la validan
(2) Nur por statistiko

Por uzo de la administracio:

| | |
|---|---|
| Pago ricevita | |
| Konfirmilo sendita | |
| Loĝejo mendita | |

